

# IREJO-BULTENO


Irana Esperantista Junulara Organizo

N ro : 2 Marto _ Aprilo 1994 Esfánd 72_Fárvárdin 73


# FELIĈAN PRINTEMPON!





# SUKCESAN NAÛRUZON!

# EKU ESPERANTON PRINTEMPE!

------ Adresoj ------------------------------------------------------------

IREJO_Bulteno
Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo
Eldona Ordo : du monato
Redaktoro : *M.Reza Torabi*
Komputera Kompostado : *Abbas Bagestani*
Kontakt adreso : P . O . Kesto : 17765_184, Tehrano

---

IRANA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO _ IREJO
UEA kodo : irej-n
Fondita : Julio 1993 _ Tir 1372
Ĉefgvidanto : *M.Reza Torabi*
Vicgvidanto : *Abdollah Hakimneĵad*
Ĝenerala sekretario,kasisto : *Abbas Bagestani*
Sekretario, Scienca aktivado : *Ĝamŝid Ahmadi*
Poŝta adreso : P . O . Kesto : 17765_184 , Tehrano
Telekopiilo : (021)363232

---

ENHAVO :

## Saluton!

**Geestimataj Samideanoj**

Feliĉan Naŭruzon !, Feliĉan Iranan novjaron !

Naŭruzo estas plej granda nacia festo en Iranlando kaj Irananoj ĉiam kunplezure kaj ĝojante festigas Naŭruzon. Samtempo kun Naŭruzo Irana kalendaro ŝanĝiĝas kaj komenciĝas nova jaro al ni Irananoj. ni respektas naŭruzon kaj sincere tiun okazon gratulas al niaj samland-samideanoj.

Feliĉe dum la pasintaj monatoj fariĝis pozitivaj agoj en la organizo kaj pli malpli oni aliĝas ĉe IREJO. Jam la organizo komencigis komunikadon kun eksterlandaj kaj internaciaj organizoj rilate Esperantaj aferoj kaj estas esperoj ke dum la venontaj monatoj tiu agado montru sian rezulton.

Ĉi-tie bezonas refoje mi sincere invitu ĉiujn gesamideanoj kiuj iel deziras aktivadon rilate E-o movado en nia lando. Geestimataj ! nuntempa situacio en nia lando bezonas kunlaboradon pro disvastigi Esperanton. Do ni ekkunlaboradu kun unu la alia rilate la movado. unuopaj agoj neniam havos vastan rezulton. ĉiam tutĝoje en IREJO ni renkontas ĉiujn aktivajn gesamideanojn.

Ĉion tagon Naŭruzu, via Naŭruzo elsukcesu!

La Red .

---

## ĈU VI DEZIRAS KORESPONDI ?

Se vi deziras korespondi eksterlande, "Koresponda Servo" volonte helpos vin pri tiu afero. Oni ankaŭ povas publikigi siajn adresojn en la bulteno. Petu nian liston senpage, ne membroj sendu egalvalore 800 Rialojn nestampitajn poŝtmarkojn en la koverto.

---- Movade ----

## UNIVERSITATA AGADO

Jam Esperanto malrapide serĉas sian lokon ankaŭ en nia lando Irano. Prof d_ro : Saheb Zamani post ĉirkaŭ 20 jaroj jam sukcesante vidas rezulton de sian klopodadon. Nun E_o movado en Irano laŭ la agado de nia majstro profunde ekis logikan movon en la sciencaj centroj kiel kelkaj da gravaj universitatoj. certe tiu estas respektinda agado rilate E_o movado en Irano.

Prof d_ro : Saheb Zamani tiam ke komencis sian aktivadon pro disvastigado de la Esperanton en Irano antaŭ 20 jaroj, universitatuloj ne profunde komprenis lian agadon. se hodiaŭ ni vidas ke feliĉe la universitataj profesoroj lian proponitan vojon kun plezure renkontas. Tiu faro estas deca respondo al la aktivado de la majstro.

Dum la pasinta jaro multaj da la universitat_profesoroj skribinte leteron al la ŝtatuloj deziris indan atendon rilate al la lingvo de Esperanto kaj ĝian instruadon en la Iranaj universitatoj. sendube similaj agoj fine kaŭziĝos ke internacia lingvo estu lernebla ankaŭ en Iranaj universitatoj.

Decus ankaŭ se la studentoj faru similajn agojn kiel la universitataj profesoroj. Ni proponas ke ankaŭ Esperanto-sciantaj studentoj per letere informu la ŝtatulojn pri siaj ideoj kaj deziroj. La organizo serioze daŭras agojn rilate tiu afero kaj renkontas ĉiujn kunlaborojn pri tiu inda afero.

## ---- Organize ----

### DELEGITECO DE IREJO

Kiel vi jam scias nun la organizo havas membrojn en pli ol dek urboj kaj provincoj. Multaj de la membroj ankaû estas komencantoj kaj kelkaj ankaû bone scipovas la lingvon kaj la movadon. Esperanto movado tiam signifas vere ke oni kunlaboru kun unu la alia.

Ĉar pli mal pli la membro kvanto multiĝos do IREJO serĉas delegitojn por servadi al interesiĝantoj kiuj volas scii pri Esperanto kaj al la membroj de IREJO. Jen la reguloj por esti IREJO delegito :

1- Scipovi Esperanton 2- Koni E_o movadon 3- akcepti IREJO statuton . 4- havi minimume 16 kaj maksimume 30 jarojn . 5- esti konstanta loĝanto en urbo kie petas por 3 jarojn .

interesiĝantoj bonvoli petu pluajn informojn korespondante.

## ----Regoina AKTIVADO ----

### Tabrizo, Renkondado Dauras.

Ekde oktobro 1993 (Mehr 1373) ke komencis la agadon Abdollah Hakimneĵad rilate instruaj aferoj en la universitato de Tabrizo, nun la koro de IREJO batas en Tabrizo!. Multaj membroj de la organizo estas Tábrizanoj aû loĝas en tie. Unua IREJO kurso laû la raporto S_ro Hakimnejad finis Februare (Báhmán) kaj dua IREJO kurso komenciĝos post la novjara feritagoj, Marto 1994 / Farvardin 1373 en la universitato Tabrizo.

Laû la raporto, gestudentoj dezirantege renkontis la nomregistrion por dua kurso (ĉirkaû 200 gestudentoj! ). Rimarkindas ke IREJO serĉos similan agon en aliaj universitatoj kaj kulturaj centroj. Se ankaû vi interesiĝis pri

simila aktivado kaj havas bonan situacion, IREJO bonvendiras vin kaj forte helpos, do ne hezitu informi nin ! .

## ----- IREJO Vidpunkto -----

### ESPERANTA RESPONDECO

Kiam oni komencas agon antaû ol ekkomenci ordinare ili pensas pri aferoj kiuj post la komeco eblas ke okazu. Prudentas pensadi pri seriozaj agadoj kiuj ankaû rilatiĝas ne al propra persono aû societo ke al vasta aro ekz. E_o movado.

Ne dubas ke nian hodiaûan agadon juĝos venontuloj ankaû,do sen la respondeco la aferoj ne bone faros. Senti la respondecon bezonas profundan pensadon kaj klaran planon rilate venontaj eventualaj kaj certaj aferoj.

Post de longa tempo jam E_o movado en nia lando kreskas vigle. La sento de la respondeco devigas Nin ke estu sagacaj rilate la aktivado kaj klare la aferojn studu.

Esperanta respondeco necesigas nin ke nun tempe en nia lando sen bruegado alpaŝu praktike bazajn agojn kiujn jam Prof. D_ro Saheb Zamani rimarkis.

IREJO renkontas ideojn rilate movada strategio en nia lando, Sincere.

## ----- Novaĵoj -----

### Verda Kajero (Dáftáre Sábz)

Esperanto - Perslingva revuo al la pers-lingvuloj.

Laû la decido de la estraro IREJO ekde novjaro 1373 por Iranaj komencantaj kaj intersiĝantaj eldoniĝos propona revuo sub la gvido de la estraro IREJO. La revuo estos du lingva Esperante kaj Persa, ke enhavos kursojn kaj gramatikajn artikolojn rilate Esperanto kaj E-o movado al la Persa lingvo.

Atendu do nian du lingvan revuon sub la nomo "Verda Kajero"(Dáftáre Sábz).

## Perslingva versio de " Esperanto? Kio estas? "

TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) preparas informilojn al la naciaj lingvoj, enhavante bazaj informoj pri Esperanto kaj ĝia aplikado.

Persan versoin oni en IREJO preparis kaj post fina redakto ĝin sendis al TEJO. La versio haveblas laŭ peto, do petu ĝin ĉe centra poŝta adreso.

## El Movada informilo

### Interkulturiĝado en Irano

En la lernojaro 1992/93 d-ro M. H. Saheb-Zamani gvidis sukcesajn Esperanto-kursojn por studentoj kaj profesoroj en la irana Nacia Universitato Beheŝti (vd. 1992, p. 125 ). Nun, kiam tuta jaro pasis post la ekinstruo de Esperanto, pluraj profesoroj esprimis favoran opinion pri la lingvo kaj pri la kursoj, en leteroj adresitaj al prof. d-ro Hadi Nadimi, la prezidanto de la universitato.

D-ro Sejjed Abdol -Gasem Fatemi, profesoro pri lingvistiko , vicprezidanto de la fakultato pri literaturo : "Pli ol 100 studentoj enskribiĝis por la kursoj. Ĉiutage aldoniĝis novaj interesiĝantoj, kaj tial ekde la 1-a de marto stariĝis alia elementa kurso. "

Prof. d-ro Ahmad Ŝah-verani, dekano de la fakultato pri matematiko, universitata vicprezidanto:" Inter ĉiuj lingvoj, Esperanto estas modele plej proksima al la nocio de matematika logiko . . . . Nia fakultato intencas proponi al la ministerio pri scienco kaj altaj studoj la aldonon de tiu instrua unuo, kun klerigaj pruvoj. " Profesoro pri arkitekturo, S. Reza Ŝarif-Tehrani, nomas la lernadon de Esperanto "amika interkulturiĝado sen fremda subkulturiĝado" .

Prof. d-ro Hossejn Namazi, vicprezidanto pri scienca esplorado ĉe Beheŝti, eks-ministro pri financo kaj ekonomio, pensas ke " la lernado de Esperanto estas ege grava ankaŭ de ekonomia vidpunkto. La plej bonaj jaroj de la gejunuloj en la

Tria Mondo forkonsumiĝas por nekontentiga ŝajnlernado de aliaj lingvoj. Aliflanke, la eblo uzi sciencajn referenc-librojn en tiuj lingvoj estas neimageble malproporcia al la elspezoj kaj tempoperdo. Ĉe elekto de Esperanto kiel dua lingvo ne nur la kapitalaj kaj homfortaj ŝparoj influus la nacian ekonomion pozitive, sed ankaŭ la eblo de rapida transigo de sciencsaj atingoj, rezulte de tia decio, estus neimageble granda. "

el "esperanto" n-ro : 1052, okt 93

## IREJO petis aliĝon ĉe TEJO

En la 27an de decembro 1993 oficiale IREJO petis aliĝon ĉe «Tutmond Esperantista Junulara Organizo». TEJO,kiel ĝia oficiala membro. eventuale la aliĝpeton en la 50an Internacia Junulara Kongreso(IJK) diskutebliĝos kaj oni nian organizon akceptos kiel landa sekcio de TEJO.

## IREJO En Diversaj Urboj !

La asocio bonorde disvastigas kaj IREJO kunplezure serĉas siajn seriozajn samideanojn. Nun IREJO-anoj ekzistas en dek urboj de la diversaj provincioj. Aliĝantoj ĉe IREJO loĝas en la urboj: Tehrano,Tábrizo,Kermanoŝaho,Mianduabo,Rudbaro,Márándo, Ŝirazo,Máŝhádo,Ábháro kaj Áháro. esperante al tagon ke IREJO haviĝu en ĉiuj urboj membrojn.